27 NOVEMBRO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ (4 Spesdekoj) TRIA JARO. — Nº 20

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

ABONO

Unu Jaro . . . . Sm. 1.20 | Helpabono. . . . Sm. 4.—

Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2.50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj aŭstr = 1.80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

Bulgara Eldono : N. D. Kovaĉef, Sofio



## Grava Momento

Kiel ni jam mallonge informis nian egantaron, la Komitato balotita de la Delegitaro por la enkonduko de lingvo internacia, ekzameninte la diversajn proponitajn sistemojn de lingvo universala, elektis Esperanton « pro ĝia relativa perfekteco kaj ĝiaj jam multaj praktikaj aplikajoj », sed kun propono de reformoj kaj korektoj, kiuj estos ekzamenataj de la kompetenta Esperantista aŭtoritato, tio estas de nia Lingva Komitato. Tiu lasta parto de la dirita decido jam elvokis diversajn komentariojn en nia gazetaro Esperanta. Ni komence opiniis, ke antaŭ ol diskuti pri tiu demando, estas pli bone atendi la rezultaton de la laboroj de la Lingva komitato, sed ĉar tra la Esperantistaro diskuras nun diversaj ofte neĝustaj famoj, ĉar de tre multaj flankoj oni demandas nin pri la nunaj okazantajoj kaj ilia signifo por Esperanto, ni kredas, ke la momento jam venis por klarigi nian opinion al la publiko Esperantista, kiu antaŭ ĉio kaj ĉiu estas ĉefe interesata en tia demando.

***

Oni ofte diris, ke artefarita lingvo internacia estas la rezultato de libere akceptita interkonsento aŭ « kontrakto » inter ĝia elpensinto kaj ĝiaj adeptoj ; tiu kontrakto anstataŭas la unue mankantan tradicion kaj estas la nepre necesa fundamento, super kiu devas labori ĉiuj uzantoj de tiu lingvo por ebligi la iom-post-ioman kreiĝadon de vivanta tradicio, kiu garantios la lingvon kontraŭ ĉiuj arbitraj reformoj kaj personaj kapricoj. La necesecon de tia komuna por ĉiuj, netuŝebla fundamento konstante akceptis la Esperantistoj, kaj, en la daŭro de dudek jaroj, ili energie kontraŭbatalis ĉiujn privatajn provojn pri plibonigado aŭ reformoj. Dank' al tiu severe konservita disciplino, Esperanto povis atingi sian nunan prosperecon kaj la tempo ne estis perdita per senfinaj teoriaj diskutoj ; dank'al ĝi ni povis ne nur iniciati atentindan kaj potencan movadon, sed ankaŭ krei gravan literaturon, rimarkindan pro sia unueco. Tiu maksimuma netuŝebla fundamento de Esperanto, kiu en la komenco estis la rezultato de la silenta interkonsento de la Esperantistoj, estis oficiale sankciigita de la Bulonja kongreso, kaj de tiu epoko, al ĉiuj provoj enkonduki reformojn, oni respondis per tio, ke la Fundamento estas netuŝebla kaj neŝanĝebla. La ekzisto de tia komuna kaj leĝodona Fundamento estas por ni absolute necesa, ĉar de la momento kiam tiu Fundamento perdus sian gravecon kaj konstantecon, Esperanto fariĝus io ŝanceĝebla, ne certa, ĉiam elmetata al la risko de perfortaj reformoj, kiuj rompus ĝian literaturon, kaj malpermesus ĉian propagandon kaj ĉian praktikan laboron, fareblajn, nur se la formo de la lingvo estas certa. « Fundamento » estas do la sole vera garantio de nia unueco kaj de nia estonta progreso, ĝis la momento kiam la kreita vivanta tradicio estos la plej bona fundamento kaj nin ŝirmos kontraŭ ĉiuj danĝeroj pro reformoj, kaj ĝis la momento kiam Esperanto, posedante potencan kaj diversfakan literaturon, estos *uzata* de centmiloj da homoj kaj jam enradikiĝita en niaj bezonoj. Tiam ia skribita kaj difinita fundamento estos neutila, ĉar nia lingvo estos vere *vivanta* ; sed tiu momento ne ankoraŭ venis, kaj nun, kiam Esperanto, malgraŭ siaj gravaj sukcesoj, estas en la periodo de l'komenco, tia preciza interkonsento estas tute necesa.

Sed posedi klare formulitan fundamenton ne sufiĉas ; estas ankaŭ necese scii en kio ĝi konsistas, kion ĝi permesas kaj kion ĝi ne permesas. En la lasta tempo, kelkaj personoj plendis, ke la fundamento malpermesas ĉian ajn progreson, ĉian eĉ plej malgravan plibonigon ; kaj, aliparte, aliaj, en la nomo de la fundamento, sed de mallarĝigita kaj kvazaŭ tirana fundamento, malakceptis ĉian aldonon kaj plibonigon, ripetante, ke la nuna lingvo tute sufiĉas kaj ke ĉia paŝo ekster la fundamento estas danĝerega. Por juĝi pri tiuj opinioj, oni atente legu la antaŭparolon de la fundamento kaj oni konstatos, ke ĝi lasas plenan liberecon kaj eblecon por estonta pliboniĝado kaj perfektiĝado. Jen pri tio la averto de D-ro Zamenhof ĉe la komenco de la aludita libro :

« ...Malgraŭ la severa netuŝebleco de la fundamento, nia lingvo havos la plenan eblon ne sole konstante riĉiĝadi, sed eĉ konstante *pliboniĝadi* kaj *perfektiĝadi* ; la netuŝebleco de la fundamento nur garantios al ni konstante, ke tiu perfektiĝado fariĝados ne per arbitra, interbatala ruiniga *rompado* kaj *ŝanĝado*, ne per nuligado aŭ sentaŭgigado de nia ĝisnuna literaturo, sed per vojo *natura*, senkonfuza kaj sendanĝera... »

Poste li aldonas :

« ...Se ia aŭtoritata centra institucio trovos ke tiu aŭ alia vorto aŭ regulo en nia lingvo, es tas tro neoportuna ĝi ne devos *forigi* aŭ *ŝanĝi* la diritan formon, sed ĝi povos proponi formon *novan*, kiun ĝi rekomendos uzadi *paralele* kun la formo malnova. Kun la tempo la formo nova iom post iom elpuŝos la formon malnovan, kiu fariĝos arĥaismo, kiel ni tion ĉi vidas en ĉiu natura lingvo. Sed, prezentante parton de la *fundamento*, tiuj ĉi arĥaismoj neniam estos eljetitaj, sed ĉiam estos presataj en ĉiuj lernolibroj kaj vortaroj samtempe kun la formoj novaj, kaj tiamaniere ni havos la certecon, ke eĉ ĉe la plej granda perfektiĝado la unueco de Esperanto neniam estos rompata kaj neniu verko esperanta eĉ el la plej frua tempo iam perdos sian valoron kaj kompreneblecon por la estontaj generacioj... »

Tio ĉi tre klare montras, ke ia aŭtoritato akceptata de la Esperantistaro (aŭ se ne ekzistas tia aŭtoritato, memkompreneble la Esperantistaro mem) povas proponi novajn formojn en la lingvon per la vojo natura kaj iom-post-ioma de la neologismoj kaj arĥaismoj, ne farante ian krutan rompon en la lingvo. Konsekvence, ĉiujn reformojn arbitrajn kaj a-prioriajn, kiujn oni proponas kaj pri kiuj la sperto ne montris, ke ili estas utilaj kaj praktikaj, la Esperantistoj devas nepre malakcepti, ĉar ili rekte kontraŭstaras al la esenco de la fundamento kaj enkondukus tre danĝeran ekzemplon por la estonteco, sed ĉiujn proponojn utilajn por la pliboniĝo de nia lingvo la Esperantistoj devas atente ekzameni kaj prijuĝi sen blinda konservativemeco, ĉar konsideri la Fundamenton kiel limigilon de ĉia novajo, kiel dogmon ekster kiu nenio estas akceptabla estas tiel same kontraŭa al la spirito de tiu fundamento kaj de la elpensinto mem de Esperanto, kiel la opinio de tiuj, kiuj kredas, ke nenia progreso estas farebla dum ni havos fundamenton. Ne, la Fundamento, larĝe interpretita, ebligas ĉian pliboniĝon, ĉian saĝan antaŭenpaŝon, ĉar ĝi havas en si ĉiujn vivigajn principojn, per kiuj nia lingvo povos pli rapide kaj pli logike progresadi ol la naturaj idiomoj. Sed, oni demandos nin, ĉu inter la nun proponataj reformoj, kiuj ne enkondukus gravan rompon en nia tradicio, oni povas trovi kelkajn, kiuj estas utilaj kaj respondas veran bezonon ? Ĉu la nuna lingvo, absolute sen aldono kaj sen novajo, ne tute sufiĉas, ĉar dank'al ĝi, ni povis realigi ĝis nun tiel gravajn progresojn ? Ĉu oni devas peni atingi perfektecon, kiu en la praktiko cetere estas ne realigebla ? Al tiuj demandoj ni respondos sen ŝanceliĝo : jes, inter la nun proponataj reformoj, oni povas elekti tiujn, kiuj ne rekte kontraŭstaras al la Fundamento kaj estas realigeblaj laŭ la maniero, kiun ĝi difinas ; jes, el la sperto akirita per la ĝisnuna uzado, oni povas elekti la korektojn kaj aldonojn farindajn en Esperanto ; jes, estas dezirinde, ke la lingvo internacia, kiu estos ĉefe scienca kaj teknika lingvo, estu kiel eble plej preciza kaj perfekta. Dum dudek jaroj, ni laboris super la Fundamento, ni pliriĉigis la lingvon kreante literaturon, ni interŝanĝis korespondajojn, ni faris sukcesajn provojn pri la parolebleco de Esperanto per niaj kongresoj, sed ĝis nun Esperanto estis ankoraŭ tre malmulte praktike *uzata* ; en la scienco kaj en la diversaj fakoj, kie ĝia signifo estas grandega, ĝi nur komencas penetri, kaj la jam akirita sperto montris al ni, ke se la lingvo sufiĉas por la ordinaraj bezonoj kaj la ĉiutaga uzado, ĝi postulas pli grandan precizecon por la scienca kaj teknika praktikado ; lingvon internacian ni bezonas ne nur por esprimi ĝeneralajn ideojn aŭ per traduki literaturajojn, sed ĉefe por ke la diversnaciaj samprofesianoj kaj samfakanoj povu oportune interrilati. Ni havas la okazon enkonduki en nian lingvon kelkajn verajn plibonigojn kaj aldonojn, dank'al kiuj la lingvo scienca fariĝus ankoraŭ pli logika kaj pli preciza. Kial ni tion ĉi ne farus, simple ĉar oni devus aldoni malmultajn novajn sufiksojn kaj formuli kelkajn firmajn regulojn ? Ĝis nun ekzistis en nia lingvo vasta libereco, sed, se ni ne antaŭzorgas, tiu libereco fariĝos konfuzeco kaj anarĥio, kiuj rekte kontraŭstaras al ia principoj, laŭ kiuj estis konstruita Esperanto. Jupli disvastiĝas nia lingvo, despli fariĝas diversa kaj delikata ĝia uzado. En la lasta tempo, pro manko de kelkaj precizaj reguloj, bedaŭrindaj nelogikajoj kaj esceptoj estis enkondukitaj en la lingvon, ne ĉar ili estis nature postulitaj, sed ĉar oni faras vortarojn sen certa plano por ne kontraŭstari al la Fundamento, kiu ne donas regulon pri tia aŭ alia punkto, aŭ lasas liberecon, kiu per la praktiko montriĝas nun jam ne bona. Oni simple forgesas, ne tiu Fundamento estas la maksimumo netuŝebla, sed ke ekster ĝi oni povas, kaj eĉ devas, laŭeble plibonigi la lingvon. Oni ripetas al ni, ke Esperanto estas lingvo vivanta kaj ke ĝi devas evolui tute same kiel la lingvoj vivantaj (en la realeco, tio signifas, ke ni povas enkonduki nenian novajon kaj ke ni devas senpense obei la skribitajn tekstojn), sed kompare kun la vivo kaj disvastiĝeco de la vivantaj idiomoj, Esperanto estas ankoraŭ tre mal forta kaj ni ne rajtas sklavigi la estontajn generaciojn kaj trudi al ili malbonajojn nun facile korekteblajn, nur tial ke tio nin devigus senigi nin je kelkaj malbonaj kutimoj.

Fine, oni demandos nin : ĉu la momento estas oportuna por enkonduki kelkajn korektojn en la lingvon ? ĉu ne estas pli bone atendi, ĝis la registaroj akceptos nian lingvon ? ĉu oni ne devas dediĉi ĉiujn niajn fortojn nur al la propagando ? Al tio ĉi ni respondos : La momento estas nun oportuna ; la Delegitaro reprezentas atentindan aŭtoritatecon kaj, ne nur por ĝi, sed por la bono de Esperanto, ni povas sen danĝero elekti inter la proponitaj aldonoj kaj korektoj tion, kio estas realigebla laŭ la plano montrita en la fundamento, sen rompo en la tradicio. La sankcio de la registaroj venos nur multe pli malfrue, kiam nia afero estos praktike elprovita kaj kiam ĝi estos verŝajne tiel grava, ke ĉia reformo estos farebla nur kun la plej granda malfacileco Fine, la propagando estas nur unu flanko de nia movado ; la alia, sen kiu la propagando estus nur sencela klopodo, estas la uzado de Esperanto kaj ĝia enkonduko en la sciencon kaj en ĝiajn sennombrajn fakojn. Por tio estas necese ne ni havu lingvon kiel eble plej bonan kaj precizan ; se ne, ĉiuj geniaj principoj, laŭ kiuj estis starigita Esperanto estos kvazaŭ perditaj en la amaso de nelogikajoj, idiotismoj kaj konfuzajoj, kiujn ni ricevos en la lingvo teknika kaj fine en la lingvo ordinara se ni sen ekzameno rifuzas ĉian eĉ plej necesan novajon. Fine, ni diras, ke pri ĉia aldono en la lingvo devas juĝi la Esperantistaro mem ; neniu homo kaj neniu komitato havas la rajton trudi al ĝi perforte sian personan bonplaĉon.

Ni konkludas : la ekzisto de fundamento komuna kaj netuŝebla estas necesa por la unueco de nia afero, sed tiu fundamento permesas ĉian reformon kaj aldonon, kondiĉe ke tio estu farata nature, sen rompo. La momento estas oportuna por enkonduki en nian lingvon kelkajn aldonojn kaj korektojn konformajn al ĝiaj esencaj principoj kaj por forigi kelkajn malbonajojn, kiuj per si mem estas kontraŭaj al la principoj de tiu Fundamento. Tio ĉi prezentas nenian danĝeron se ni senpartie kaj mature ekzamenas ĉion, kio estas *realigebla* tiamaniere. Forjeti senpense ĉion proponatan kiel ion malbonan kaj malutilan, aŭ akcepti ĉion proponatan kiel ion bonan kaj superan pro tiu sola kaŭzo ke ĝi estas nova, kondukos nin al egale pereiga ĥaoso. La meza vojo estas bona ; ni esperas, ke ambaŭflanke la Delegitaro kaj la Esperantistaro ĝin sekvos.

H. Hodler.

# TRA LA MONDO

### Granda Britujo

Londono, novembro 1907.

La plej grava okazantajo estas sendube la vizito de l'Germana imperiestro al Londono. Jam de longe oni priparolis tiun politike tre gravan aferon kaj kiam oni eksciis prs la firma intenco de Wilhelmo IIa veturi al Anglujo, la ekscitiĝo estis tre granda, kaj mi devas diri, ke la publika impreso estis favore tuŝita de tiu decido. Tio metis finon al multaj malkompreniĝoj inter ambaŭ popoloj kaj tio estis la signo de estonta paco kaj interkonsentemeco. Cetere, tiu vizito okazis sub favoraj aŭspicioj. La priokupoj, kiuj ekzistis pri ebla striko de la fervojistoj, malaperis, pro konsento inter la kompanioj kaj la laboristoj ; la fama diamanto Cullinam estis prezentita al la reĝo kun letero de la Transvalanoj, atestanta pri iliaj sentoj pacemaj kaj lojalaj ; kaj, en la vidpunkto de la fremda politiko, oni povas konstati, ke malgraŭ la ŝajna malsukceso de la Haga konferenco, la grandaj nacioj emas al pli kaj pli granda toleremeco reciproka. Malgraŭ ĉiuj tiuj ĝojigaj antaŭsignoj, la Londonanoj estis frapitaj de granda timego pro la mallumega nebulo, kiu banis la tutan urbon ĝuste antaŭ la vizito de l'imperiestro. Ĉu la ĉefurbego de l'mondo kuraĝus sin montri tia al la regnestro de la potenca konkurencanta najbara lando ? Sed la nebulo malaperis kaj feliĉe la suno sin montris. Oni povis ekadmiri la belegajn ornamajojn kaj triumfarkojn, kiuj estis preparitaj por la reĝa procesio. De la stacidomo ĝis la urbdomo, la stratoj estis plenegaj de rigardantoj, kiuj laŭtigis korajn aklamojn. En multaj lokoj, oni povis legi germanajn tradukajojn el Sheakspearaj verkoj. La imperiestro ilin atente rimarkis kaj speciale la jenan : „La sango estas pli densa ol la akvo“, tio signifas „la familiaj ligiloj estas la plej fortaj“. Tiun devizon li ripetis kiam li paroladis en Guildhall, kie oni prezentis al li leteregon en belega ora skatolo. Dum la festeno, la parolado de la imperiestro estis tre aplaŭdita, ĉefe kiam li aludis pri

sia deziro al la paco, pri sia konvinko, ke la amikeco inter Anglujo kaj Germanujo estas la plej bona fundamento de la paco tutmonda; li ankaŭ esprimis la esperon, ke la komercaj rilatoj inter ambaŭ landoj fariĝos ĉiam pli bonaj. Tiuj ĉi paroloj estis speciale aplaŭditaj de la financistoj kaj negocistoj, el kiuj konsistis la plej granda parto de la kunveno. Efektive, la reamikiĝo, kiu rezultis en tiu vizito, estis dezirita ĉefe de la aferistoj de Anglujo, kiuj esperas ricevi komercajn profitojn pli grandajn, se la paco estas certigita, kaj en nia popolo, tute ne militema, la sento estas, ke estas preferinde esti en amikaj rilatoj kun la Germanoj ol ilin konsideri kiel malamikojn -kio utilas al neniu.

L. H. G.

## Rusujo

Moskvo, novembro 1907.

Malgrandega parto de la Rusa popolo ĵus elektis la trian regnan Dumon. La balotleĝo de l'3/16 junio 1907 estis verkita tiamaniere, ke la venonta Dumo havu dekstruman kaj plene konservativan plimulton. La facila sukceso de la dekstrumaj partioj estis do antaŭvidita, kaj oni povas diri, ke la Rusa popolo, enkatenita per la momenta venko de l'absolutismo, preskaŭ ne interesiĝis pri la elekto de tiu deputataro, kiu neniel reprezentas ĝin kaj estas ĝenerale fremda al ĉiuj intimaj deziroj kaj bezonoj de l'Rusa loĝantaro. La balota sistemo aplikita estas unu el la plej komplikitaj kaj la plej nejustaj, kiuj ekzistas en la mondo. La ĉefaj ĵurnaloj ĝin klarigis en la momento, kiam la dua Dumo estis abrupte forpermesita; tial mi ne laciĝos la leganton per la klarigo pri la «lerta» balota sistemo, kiun al ni donacis la leĝo de 3/16 junio 1907, Mi diris, ke la sukceso de la dekstruma partio estis antaŭvidita; tamen, oni ĝis certa grado esperis dum kelka tempo, ke okazos interkonsento inter la « kadoj » kaj la « Oktobristoj », sed tio ne estis; ambaŭ partioj batalis aparte, kaj tio estis plej granda profito por la konservativoj. Laŭ la ciferoj de la balotado, oni povis rimarki, ke la fortoj de la maldekstrumaj partioj tute ne malgrandiĝis, sed, malgraŭ ĉiuj premoj de la registaro, ĉiam pli kaj pli kreskas. En ĉiuj grandaj urboj, kiel Peterburgo, Moskvo, Odesso, Kievo, k. t. p. la maldekstrumaj kandidatoj estis elektitaj per grandega plimulto. La urbaj kaj laboristaj balotantaroj elektis kontraŭregistarajn reprezentantojn, sed la bienuloj, kiuj devis elekti pli ol la duonon de la deputatoj, tute aprobis la registaran politikon. Ekzistas en Rusujo ne pli ol 40.000 bienuloj; el tiuj ĉi 40.000 homoj nur la duono da ili voĉdonis. Konkludo: proksimume 20.000 balotantoj reprezentas pli ol cent milionojn da homoj kaj arogas al si a zorgon elekti regnan Dumon! Oni komprenos, ke, en tiaj circonstancoj, la Rusa popolo ne konsideras, ke la ĵus elektita deputataro iel ajn estas regula, laŭleĝa Parlamento, sed nur formalaĵo, kiun la nun reganta potencularo konservas nur pro tio, ke Rusujo, rilate al la aliaj Eŭropaj ŝtatoj havu la ŝajnon de konstitucia regno, kaj ĉefe pro tio, ke tia Dumo faciliĝos la kontraktadon de la prunteprenoj en fremdujo.

Estas ne facile diri, kia estas tre precize la proporcio de la partioj en la tria Dumo. Tamen, jen estas proksimume kelkaj ciferoj: la diversaj dekstrumaj moderuloj 90 deputatoj, la « kadoj » kun la progressistoj kaj la poloj 76 deputatoj kaj la maldekstrumaj socialistaj partioj nur 22 deputatoj (10 estas social-demokratoj). Karakterize estas, la ekleziuloj estas la 10 % de la nuna Dumo kaj la ŝtatoficistoj kaj burokratianoj la 30%. Tiuj ciferoj, pli bone ol ĉia alia komentario, montras, ke la tria Dumo estas tute malsama ol la du antaŭaj: ĝi estas klasa parlamento, elektita ĉefe de la bienuloj kaj antaŭ ĉio priokupita de la propraj profitoj de la bienuloj kaj tute ne de la grandega amaso de l'popolo suferanta kaj vane atendanta iom pli bonan sorton. Sendube, kelkaj el la konservativoj sontas, ke la reveno al la absolutismo senlima estas nun jam ne ebla, sed la plej multaj nenion lernis per la lecionoj de l'historio. La restarigo de la antikvaj moroj absolutismaj, la konservado de l'burokrataro, jen ilia idealo. Eble, kelkaj ekstremaj konservativoj iom moderiĝos pro tio ke ili fariĝis mem deputatoj, sed tian ŝanĝon oni ne devas antaŭvidi kun certeco Nur tio ĉi estas certa ke la tria Dumo ne solvos kaj ne povos solvi la ĉefgravajn demandojn, kiuj, kiel la demando agrara, estas por Rusujo afero de morto aŭ reviviĝo. Tion ĉi ne povis reguligi la du antaŭaj Dumoj, kiuj ĝenerale reprezentis la publikan opinion; tiom pli senpova estos tria Dumo, konservativa kaj antireformista per sia deveno kaj per siaj elementoj.

M. K.

***

St-Peterburgo, novembro 1907.

En mia lasta letero mi skribis ke laŭ leĝo de l' « 3-a Junio », en Dumo la plej granda parto de l'deputatoj estos en „ dekstrumo “· La rezultatoj de l'leĝo nun aperis kaj ili superis eĉ tion, kion atendis la registaro. El deputataro, kies nombro estas 442 ni havas 33 el „ Unuiĝo de la rusa popolo „ t. e. ni havos 33 da Puriŝkeviĉoj, kvankvam, mi devas aldoni, ke eĉ ĉi tiuj sinjoroj nelonge kriegintaj „ for la abomena konstitucio “, mem diras, ke ili estas... konstituciemaj!!! Sed la societo rusa malkonfide aŭdas tiajn vortojn. ĉar ĝi memoras pri ilia agado en dua Dumo, kie, krom krioj kaj skandaloj ni vidis nenian laboran rezultaton. La alia, grandnombre kreskinta partio estas „ unuiĝo de l'17 oktobro “ aŭ kiel oni diras ironie-partio de l'lasta registara komuniko! Ĝi estas laŭ iliaj vortoj libereme-konstituciema, sed ĝia konstituemeco estas tre stranga, ĉar ili alifoje agadas ne nur kun dekstroj, sed eĉ kun „ unuiĝo de l'rusa popolo “. Ankaŭ, por subteni sian influon, kiel konstituciemaj deputatoj ili deziras ankaŭ agadi kun „ kadoj “, kiuj ne dezirante subite perdi sian autoritaton estas preskaŭ konsentaj. La „ oktobranoj “ komprenas kiajn devojn ili havos en 3a-a Duma kaj tiu ĉi okazo donis la eblecon diri sekvantajn vortojn en festeno de oktobranoj en restoracio „ Slavjanskij Bazar “ kie estis la kunsidoj de niaj landajestroj. Tiujn ĉi vortojn diris la Moskva deputato fama juristo S-ro Plevako (oktobrano): „ Ni revenos post 5 jaroj aŭ kun ŝildo aŭ sur ĝi, kiel turmentitoj pro libereco. Ni celados do ne nur al ĝi, sed ankaŭ al la vero kaj kiam ni revenos — vi diros — de nun Rusujo estas libera! “, La progresemaj gazetoj priparolante tiun ĉi toston rimarkas ke la fundamentoj de la libereco estas tiaj simplaj, ke, anstataŭ de 5 jaroj, oni povos preni ĝin dum unu kunsido de Duma! „ Sed “ aldonas senpartia gazeto „ Russ “ (Rusujo) ĉu ni devas sercere juĝi la parolojn inter rostaĵo kaj bon gusta kukaĵo! “ Malgraŭ tio la partio esperas fruktodone labori en Dumo, kvankam ĝi ne havas plimultecon da voĉoj (ĝis 115) ĉar la „ dekstroj “ kalkulas sin ĉirkaŭ 170. La „ maldekstroj “ estas nur en nombro 35 kaj la „ kadoj “ (kune kun polujanoj, pacrenoviĝanoj havas nur ĝis 100. Sekve kiel oni vidas la oktobranoj devas unuiĝi aŭ kun „ dekstraj “ aŭ kun „ kadoj “. La estonteco montros al ni kian vojon ili prenos la bonan aŭ malbonan. La sekvanta partio, malvenkita estas partio de „ kadoj “. La anoj de ĝi ne perdis la kuraĝon kaj nelonge faris en Finlando (Helsingfors) sian antaŭduman kunvenon. La partio delonge enhavis du fluojn: dekstran kaj maldekstran kaj dum tiu ĉi kunveno ili estis precize videblaj, ĉar kelkaj tre malmultaj guberniaj delegatoj ne aprobis la agadon de Centra komitato. Sed pro ilia malmulteco la kunveno en sia plej granda nombro prenis la rezolucion, aprobantan la agadon de Centra komitato. Krome, estis akceptita alia proponita de deputato Milŭkov rezolucio en kiu estas la tiaj notetoj ke unu el membroj de kunveno sendis al konata oktobrano telegramon jenan; „ La dekstra influo venkis. Mi gratulas “, sekve ni kredeble vidos „ edziĝon “ de „ kadoj “ kaj „ oktobranoj “. Povas estis (en Rusujo ĉio povas esti!) ke neoficiale eĉ la „ unuiĝo de rusa popolo “ eniros en tiun ĉi „ feliĉan unuiĝon “ en rolo de „ amiko de l'familio! “. Nun mi diros kelkajn vortojn pri la elektado de deputatoj kaj pri ili mem, La antaŭelektada agitacio estis tre malforta en Peterburgo, ĉar oktobranoj kaj pli dekstraj ne donis la monon por propagando: la „ kadoj “ aliparte ne estis leĝe rajtigitaj, sed malgraŭ tiu ĉi okazo ili provis disdoni la alvokojn. En aliaj urboj ekz en Moskvo, la nuna deputato S-ro Guĉkov (urbestro), prezidanto de oktobranoj dungadis la aŭtomobilojn por veturigi la oktobranojn en lokojn de balotado. En Kiev, laŭ sciigo de gazeto „ Kieva penso “ la unuiĝo de rusa popolo tre multenombra en la urbo, presis la nomojn de progresemaj deputatoj, sed kun intencaj eraroj, kiuj nuligis la buletenon. En Riga la deputato, Predekaln estis arestita, sed liberigita ktp multefoje. Pri deputatoj de l° 3 Duma mi povas diri ke en sia dekstra, parto ĝi estas tre interesa: ekzemple bonvolu vidi kiajn deputatojn elektis la urbanoj de Minsk: S-ro Smidt (eks-mara oficiro) estis sub juĝo pro kulpigo en regna perfido (vendis la planojn de l'fortikaĵo). Tiun ĉi deputaton ne deziras eĉ dekstraj, petante lin pravigi sian reputacion. Alia deputato generalo eks-ĝendarmo kaj tria oficisto. Kaj se ni prenos la nomaron ni vidos ke el membroj de Duma multaj estas grandrangaj oficistoj. La vilaĝanoj estas en malgranda kvanto kaj ekzistas inter ili tiaj, tiel ekzemple la eks-ĝendarmo kiu servis en tiu ofico 15 jarojn. Al mi ŝajnas ke por unua fojo estas sufiĉe, karaj legantoj, ĉar eĉ la plej fortaj el vi timos kaj ne legos miajn aliajn, proksimajn korespondaĵoj kiujn mi sendos ĝustatempe.

SENPARTIULO.

## Unuiĝitaj Ŝtatoj

Seattle, novembro 1907.

Iu sinjoro kiu loĝas en Massachusetts, unu el la plej orientaj ŝtatoj amerikaj, en la 16a n° de *Esperanto*, plendas ke mia artikolo pri ekonomiaj kaj politikaj kondiĉoj de nia lando ne estas veraj, Laŭ li, San-Francisco ne rajtas reprezenti amerikajn urbojn, en kies plimulto la leĝoj estas obeataj, ĉio estas honeste kondukata, neniu malsatas kaj laboristoj, se ili tion deziras, povas atingi ne nur komforton sed eĉ riĉecon. Plie, li frapas la okcidenton, dirante, proksimume ke ni ne estas pli ol duone civilizitaj. Li asertas ke malpli ol en ia alia lando ni estimas la mallaboremulon, kaj pli malofte metas panon en la buŝojn de tiaj, ktp, ktp. Nu, la legantoj de „ Esperanto “ certe ne deziras malverojn pri kondiĉoj amerikaj kaj la redakcio nepre ĵetus en la korbon iajn artikolojn se ĝi havus ian kaŭzon kredi ke mi aŭ ia korespondanto verkas iajn.

Sed, ĉar la dirita persono kulpigas min je malvereco antaŭ la tuta legantaro, necesas ke mi respondu kaj pruvu ke mi diris nur la veron, se la ĵurnalo tion permesas.

Unue, mi certigas ke ia opinio dependas tute de la vidpunkto, Por la riĉeguloj kiuj riĉiĝas per la laboristaj Usono estas ja bonega lando. Nenie sur la terglobo la trustoj jam atingis tiom da kresko kiom en Usono; nenie ekstere ekzistas tiom da riĉeguloj kaj nenie aliloke ili havas tiom da potenco; nur en Usono la riĉuloj povas tute malzorgi pri la rajtoj de la popolo ĉar nur tie ĉi tiu klaso kontrolas absolute ĉiajn partojn de la ekonomia kaj politika maŝino. Se la plendanto apartenas al tiu klaso mi ne miras pro liaj paroloj nek mi miras se li apartenas al tiu klaso enhavanta la ĵurnalistojn, instruitojn, komercistojn, ekleziojn, ktp, ĉar tiuj estas preskaŭ ĉiuj kontrolataj de la unua klaso. Sed se li apartenas al tiu grandega klaso de la laboristoj li nepre ne verkus tian plendon, escepte se li estas trompato aŭ malsaĝulo. Mi citas kelkajn faktojn, ne por konvinki lin sed por sciigi niajn amikojn eŭropajn, kiuj, ne komprenante la anglan lingvon, tre malofte ricevas per siaj ĵurnaloj la verajn faktojn pri la vivkondiĉoj inter la laboristaj klasoj Usonaj. Ni prezentu kelkajn ciferojn oficialajn pri la procento de la homoj kiuj posedas siajn proprajn hejmojn en diversaj urboj:

New-York, 4.1; Philadelphia la tiel nomata „ urbo el hejmoj “), 10,1; San-Francisco, s5; St Louis, 13; Cleveland, 20.

Oni vidas ke la granda plimulto el la loĝantoj en ĉiuj urboj estas devigataj lui loĝejojn same kiel en Eŭropo. Antaŭ 40 jaroj populara kanto diris ke „ Onklo Sam estas sufiĉe riĉa por donaci al ĉiuj hejmojn “. Tio signifas ke ni posedis sufiĉe da tero por doni farmon al ĉiu homo tion deziranta. Rigardu:

Procento de la farmoj estrataj de luantoj:

| | 1880 | 1900 |
|---|---|---|
| Alabama | 46 8 | 57.7 |
| California | 19 8 | 23 1 |
| Delaware | 42.4 | 50.3 |
| Iova | 23 8 | 34 9 |
| Louisiana | 35 2 | 58 |
| New-Jersey | 24.6 | 36 9 |
| New-York | 16 5 | 23 9 |
| Ohio | 19 3 | 27.5 |
| Pensylvania | 21.2 | 26 |

Rimarku, ke la farmoj en la plej riĉaj, grandaj ŝtatoj konstante pasas, pli kaj pli, en la manojn de la bankieroj aŭ procentistoj. Laŭ unu el niaj plej eminentaj kaj zorgaj esplorantoj, D-ro Charles-B. Spahr, en sia libro „ The Present Distribution of Wealth in the United States “, li asertas ke:

> Sep-okonoj el la familioj posedas nur unu okonon el la tuta riĉeco. 1% de la familioj posedas pli multe de nacia riĉeco ol la aliaj 99 % el al familioj.
>
> 25,000 personoj posedas duonon el la tuta riĉeco, kaj li finas per la diro ke se nunaj kondiĉoj daŭros dum 25 jaroj, 50.000 personoj posedos efektive la tutan riĉecon de tiu ĉi „ lando de la liberaj kaj hejmo de la bravaj “.

Nun pri la salajroj de la laboristoj: laŭ la oficialaj raportoj de la regnestraro por 1900 la jaraj meznombraj salajroj ricevataj estas 437 dolarojn (Sm. 874), sed ĉar multaj ricevas plimulte, kompreneble multaj ricevas malplimulte. Dum la lastaj ok jaroj ni ĝuis periodon de tiel nomata „ prospereco “, pro kio en preskaŭ ĉiuj ŝtatoj estis laboro por la laboristoj. Sed, ĉu al tiuj la prospereco signifas alion ol konstantan okazon eluzi sian laborpovon por la riĉigo de siaj mastroj? Ne kredu tion. Se la salajroj iom altiĝas pro la granda postulo, ĉiam la prezoj de la vivnecesaĵoj plialtiĝas, kaj ĉiam, ĉie dum tia prospereco ni havas strikojn, strikojn „ lockouts “, akrajn batalojn inter la havantoj kaj la nehavantoj. En Colorado, Pennsylvania, Illinois, Utah, k. a. oni alvokis la militistojn, mortigas pafe multojn da laboristoj, bruligas iliajn hejmaĉojn kaj generaloj, juĝistoj, guberniestroj ekkriegas „ To Hell with the Constitution “ (Inferon ĵetu la konstitucion). En Ameriko la laboristoj en la grandaj fabrikejoj orientaj (kie la kondiĉoj estas tiel bonaj, laŭ la plendanto), kutimas ricevi tiel malmulte ke la tuta familio, edzo, edzino kaj infanoj devas labori por gajni panon. En Lowell, unu el la plej gravaj fabrikaj urboj (en la sama ŝtato kun mia kulpiganto, mi petas kredi), la kotonmuelejaj laboristoj amase strikis, dirante ke ili absolute ne povas vivi per la salajroj ricevataj. En Usono kiel aliloke, la vera ekzistado de ege kapitalista sistemo postulas multe da laboristoj senlaboraj Jam de longe oni kutimas anstataŭigi virojn per virinoj, en ĉia laboro kie oni povas tion fari. Sed, en la lastaj dudek jaroj, oni komencas anstataŭigi la virinojn per la infanoj. Pro tio la ciferoj montras ke en 1900 preskaŭ du milionoj da ili laboras en la silk- kaj kotonfabrikejoj, karbminoj, magazenoj, ktp. La infanoj havas ses ĝis dekkvin jaroj kaj la laboro en la fabrikejoj estas tiel kruela ke la meznombra longeco de iliaj vivoj post la eniro estas kvar jaroj. Grade en ĉiu industrio amerika la maŝino anstataŭas la homan manon, ĝis la homo estos nur malgrandas parto. Funkcii maŝinon ne estas ordinare forta laboro kaj virino aŭ eĉ infano ellernas tion baldaŭ. Sed la maŝino neniam laciĝas kaj ĉie sin trovas la sistemo „ speeding up “. Mi ne scias kiel esprimi tiun ĉi esperante, sed ĝi signifas rapidigi la maŝinon ĝis la ekstrema kapableco de la maŝinisto. Pro la terura rezultato de tiaj faraĵoj al niaj infanoj la tuta nacio nun koleriĝas, kaj brave penas plibonigi siajn kondiĉojn. Sed preskaŭ nenio fariĝas, ĉar la riĉuloj ĉie kontrolas ŝtatajn regnestrarojn kaj malpermesas novajn leĝojn aŭ sin submetas sub iaj malnovaj. Homa vivo estas la plej malkara komercaĵo en la mondo. Oni kutime turnas la sangon de malfortaj virinoj kaj infanoj en profiton, same en Usono kiel en Eŭropo. Por la profito la fervojoj Usonaj mortigis en la jaro 1902, 8,588 personojn kaj vundis 64,662. Estas pli malkare mortigi ol aĉeti sendanĝerajn aparatojn, konstruj bonajn vojojn, permesi al la laboristoj sufiĉe da ripozo, ktp. Mi povus plenigi tiun ĉi ĵurnalon per la plej teruraj rakontoj pri la malbonaĵoj konstante kaj kutime farataj kontraŭ la laboristoj ĉie en Usono se ne mankus la loko. Miaj ciferoj troviĝas en la oficialaj raportoj publikigataj de la regnestraro kaj neniu povas nei la faktojn. Eble kondiĉoj Usonaj ne estas pli malbonaj ol en Eŭropo; tiu ĉi lando ne estas tiel malnova kaj okaze homo „ sin altigas ĝis komforto kaj eĉ riĉeco “, same kiel aliloke, sed permesu ke mi diru tion ĉi. Neniu homo iam gajnas riĉecon per sia propraj honestaj penadoj. La sola metodo akiri riĉecon estas profiti aliajn-io malfeliĉe permesata de la leĝo. Nur necesas ke homo gajnu — ne gravas kiamaniere. En Usono preskaŭ ĉiuj senatanoj reprezentas ne la ŝtatojn kiuj elektis ilin, sed la diversajn trustojn. Same pri la Cambro da Reprezentantoj; ĉiuj estas anvokatoj elektitaj per helpo de mono donita de tiuj samaj trustoj. Sincere, ĉu oni esperas ke tiaj homoj faras ion por la blinda laborista klaso kiu ĉiam fideme elektas ilin. Konklude, unu vorto pri la plendo ke San-Francisco ne rajtas reprezenti Amerikajn urbojn. Implike tio signifas ke San-Francisco estas pli malbona. Evidente mie kontraŭulo ne legas la ĵurnalojn kaj havas treegan nescion pri sia propra lando. Ni memorigu lin mallonge. Dum pli ol 50 jaroj ekzistas en New-York granda politika klubo nomita „ Tammany Hall “, kies sola celo estas kontroli la politikan maŝinon por ke la anoj povu sin riĉigi per multegaj, multnombraj graftoj[1]).

[1]) Grafti: malhonesti pri komercaj kaj politikaj aferoj. Mi proponas tiun vorton al la Lingva Komitato. Sen ĝi oni ne povas skribi pri amerikaj aferoj.

Tiu klubo nun kontrolas kaj dum multaj jaroj kontrolis la urbon ; ĉiuj bone konas ke ili ŝtelis centmilionojn da dolaroj el la urba kaso. En Chicago la konsilantaro de longe apartenas korpe kaj anime al la stratveturila kaj telefona kompanioj kiuj kutime havigas al si ĉion deziratan kaj ekspluatas senĉese. En St-Louis oni kondamnis kelkajn konsilantojn je kelkaj jaroj de malliberejo pro graftoj. Perdo 40,000,000. Same en New-Orleans, pri kloaka sistemo; Perdo 8,000,000. En Minneapolis oni kondamnis la urbestron je tri jaroj de malliberejo pro graftoj per policistoj kontraŭ urbanoj. Li amasis multe da mono. En Philadelphia politikaj aferoj dum longaj jaroj putris pro sennombraj graftoj, precipe pri la urba gasfabrikejo. Tiu ĉi fine vendiĝis al privata kompanio, por la granda profito al la graftistoj. Perdo. 75,000,000. Graftistoj konstruis kapitolon por la ŝtato Texas, kiu pagis 15,000,000 por 3,000,000 konstruaĵon. Dum ses monatoj ni povus prisbribi pri tiaj graftoj kaj nur necesas ke mia kontraŭulo legu iom da historio por koni la faktojn.

Mi ankaŭ estas patriota amerika urbano, sed ne estas blinda, Sed mi dezigeras iniciati novan sistemon per kiu la laboristoj povas havigi al si la produktaĵojn, kaj ne doni panon al tiu kiu ne volas gajni ĝin per siaj propraj penadoj.

Charles-E. RANDALL.

## Tutmonda Kroniko

*30 oktobro, Romo.* — Vatikano publikigas enciklikon kun ekskomuniko de la modernistoj.

*31, Bruselo.* — Mortas poeto Karolo Lerberghe.

*3, Firenzo.* — Mortas senatano princo Strozzi.

*4, Sandringham (Anglujo).* — Alveturo de la Hispanaj gereĝoj.

*Svisujo.* — La Svisa popolo akceptas la novan leĝon pri armeo.

*5· Romo.* — La Senato komencas la juĝadon de l'eksministro Nasi.

*6, Berlino.* — La tribunalo kondamnas jurnaliston Brandt pro kalumnio kontraŭ kanceliero Bülov.

*Anglujo.* — Interkonsento inter la kompanioj kaj la fervojistoj ; la striko estas evitata.

*7, Elswjck (Angujo).* — Enmariĝo de la kolosa kirasŝipo „Superb".

*8, Amsterdamo.* — La ŝtatministro Panhuis dronas apud Groningo.

*Wieno.* — Formado de nova ministraro.

*9, Romo.* — Deputato Bertolini estas elektata ministro de la laboroj.

*Anglujo.* — Transvalo donacas al reĝo Edvardo la diamanton Cullikpm por la da treveno de lia naskiĝo.

*Londono.* — Solena instalo de la nova urbestro Carl Bell.

*10, Toskanio.* — Danĝeraj superakvoj.

*Porsmouth.* — Alveturo de imperiestro Vilhelmo II[a].

*12, Vieno.* Manifesto de la Italaj studentoj.

*14, St-Peterburgo.* Inaŭguracio de la tria Dumo.

A. TELLINI.

## ESPERANTO PRAKTIKA

### DIVERSAĴOJ

**Novaj Esperanto-Oficejoj**

*Esp-Oficejo.* — Librairie parisienne, 4, rue Noailles *Marseille* (Francujo).

*Esp-Oficejo.* — S-ro Richard, konsulo, *Bellegarde* (Ain. Francujo).

⁂

La nomo de la Esperanto-Konsulo en Le Puy estas S-ro Mey (anstataŭ Mayer, kiun ni erare skribis)

⁂

**Internacia Helpa Mono.** — Ni ricevis el S-ro Achille Tellini, nia Itala korespondanto, regularon de *Internacia Pagilo aŭ Helpa Mono*, kiun ni rekomendas al la atento de niaj legantoj kaj de ĉiuj peresperantaj entreprenoj. Ni parolos pli detale pri tiu grava demando en venonta n° :

1) La subskribinto jus eldonis artajn markojn kiuj valoras 2 spesdekojn (5 centimojn) po ĉiu.

2) Li disvendas tiujn markojn laŭ ilia valoro, sed al la mendo oni devas aldoni 10 spesdekojn por la sendo en letero (ĝis 100 markoj) aŭ 2 kiel presaĵo, kaj 12 aŭ 14 por la rekomendo,

3) Li resendas per poŝtmandato (10 sd. po 10 sm.), aŭ de la rekomendita letero La markoj estas reprenataj ankau se difektitaj, stampitaj de la poŝto aŭ gluitaj sur papero aŭ kartono.

4) La gazetoj, kaj la firmoj kiuj anoncos konstante, ke ili akceptas, kiel mono, la markojn de mi eldonitaj, ricevos la monon respondantan al la senditaj markoj kaj ili ne havos iajn poŝtelspezojn, Se eble, mi petas atendi ĝi kiam la su no atingos 10 sm antaŭ ol fari la ŝanĝon.

5) La personoj kiuj mendos almenaŭ 2 sm. da markoj, la gazetoj, la firmoj kaj la naciaj societoj kiuj akceptas la markvaloron, havas rajton voĉdoni por la elektado de provizora konsilantaro rilata al praktika helpa mono. Samtempe oni decidos al kiu mi devos liveri la monon por ke la kaj oni eldonos markojn de alia valoro.

6) La mono korespondanta al la markoj ne resenditaj per la ŝanĝo en nacian monon aŭ en en aliajn markojn, estos dediĉita al eldono de esperantaĵoj.

*Ahilo Tellini, S. Rocco Udine* (Italujo)

Esper. Oficejo de Beaune, Centra Tenejo en Francujo.

⁂

**Servo de tradukado.** — Ni parolis en nia lasta n° pri la bonega iniciato de la industria sekcio de la Pariza grupo rilate al la organizo de tradukistaro en tuta Francujo. La klubo Esp. de Reims, ĉe tiu okazo, sendis la jenan leteron al ĉiuj regionaj jurnaloj :

« Dezirante utiligi Esperanton al ĉiuj komercistoj, la ĉefaj Francaj societoj Esperantistaj jus fondis, laŭ la iniciato de la industria sekcio de la Pariza grupo, servadon por la tradukado de la leteroj kaj de la cirkuleroj komercaj. La Esp. Reims'a klubo (12, place Amélie Doublié) prenis sur sin tiun servadon por la departementoj Aisne, Ardennes, Marne, kaj Meuse. La komercistoj de tiuj kvar departementoj povas do de nun sin turni al la dirita klubo por tradukigi el Esperanto francenaŭ el franka Esperanten siajn leterojn kaj cirkulerojn ; tiuj dokumentoj estos resendataj al ili kiel eble plej baldaŭ. Tiu laboro estas senpaga ; oni nur aldonu 50 cent. poŝtmarke por la korespondaj elspezoj... »

Estas dezirinde, de en *ĉiuj regionoj* kaj en *ĉiuj landoj* organiziĝu tia organizo la tradukistaro, kiu povas fari gravajn servojn al la komercistoj, kiuj deziras uzi Esperanton.

## KONSULAJ INFORMOJ

**Beaune** (Francujo). — Komunikaĵo de la Esperanto-Oficejo.

La dimanĉon 10an de novembro, okazis la ĉiujara aŭkcia vendo de la famaj vinoj de la Hospitalo de Beaune. Kiel kutime multaj francaj kaj fremdaj vinnegocistoj, hotelaj restoracimastroj kaj vinŝatantoj ĉeestis. Ni citos el ili : la firmon F. Potin. la faman restoracimastron Marguery, el Parizo ; la firmojn Rosenheim. J. Lyons kaj Kio el Londono Kompreneble la vinaj firmoj de Beaune kaj ĉirkaŭaĵo provizis sian kelon je tiuj tutmondaj famaj produktaĵoj. Ni citos en Beaune: la firmon P. Bouchard et fils, S-ron Chevillot, mastron de la hotelo de la Poste, la firmon Charton ; la firmon Guichard-Potheret el Châlon-s-S. ; S-ron Georges, mastron de la hotelo de la Cloche, el Dijon, k. t. p. La plej grandan prezon atingis la rikoltaĵo nomata « Chancelier Nicolas-Robin » kiu estis vendata po 1500 fr. (650 sm) por 456 litroj

Por ĉiuj informoj pri la vina komerco en nia regiono, skribu al *Esperanto-Oficejo en Beaune* (Côte-d'Or), kiu donos ilin kiel eble plej ĝuste kaj rapide.

## ANONCETOJ

*Kosto.* 8 spesdekoj (20 centimoj, 2 pencoj, 10 pfenigoj) por ĉiu linio.

Rabato de 25 % por 6 enpresoj.

Niaj abonantoj rajtos enpresigi 3 liniojn unufoje senpage.

Oni sendu al ni la anoncetojn antaŭ la 5 kaj 20 de ĉiu monato, aldonante la monon. Poŝtmarkoj estas akceptataj. Oni skribu plej legeble.

**London** (Anglujo). — H. T. Bailey, 31, Caversham Road, Kentish Town, deziras aĉeti : *La Esperantisto*, 1889 ĝis 1895, jarkolektojn aŭ eĉ apartajn numerojn Ankaŭ *Lingvo Internacia*, jarkolektojn nebinditajn, 1897, 1899. Ankaŭ deziras ricevi po unu ekzemplero de sekvantaj : *Espérantiste Canadien*, *La Stenografisto*, *L'Esperanto*, (Nurnberg, 1889), *Mondlingvisto*, *Munĥena Esperantisto* Ĉiu Grupo kiu eldonos novan gazeton estas petata sendi sciigon. *NE* deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilus.

**Davos-Platz** (Svisujo). — F-ino Herzog, lingvoinstruistino, volonte kaj danke akceptus malnovajn Esp. jurnalojn el ĉiuj landoj kiel propagandilojn kaj ĉiam estas preta por doni kiajn ajn informojn pri Davos kiel kuracejo kaj sportloko ; plue invitas ĉiujn gesamideanojn, kiuj vizitos Davos'on partopreni en la internaciaj kunvenoj de la Esperantista societo. Adreso : Zur Heimat apud poŝtoficejo, *Davos-Platz*.

**Basel** (Svisujo). — S-ro A. Bader, Frobenstrasse 56, deziras korespondi letere kun ĉiulandaj samideanoj por interŝanĝi poŝtmarkojn. Ĉiam respondos.

**Sabadell** (Hispanujo). — « *Esperanta Semo* » tuj korespondos kun ĉiuj Esperantistaj fremduloj.

**Blois** (Francujo) — S-ro kaj S-ino Raoul Oury, volonte korespondos kun samideanaj geedzoj, celante interŝanĝon de ideoj, reciprokan simpatian konatiĝon kaj, pli malfrue reciprokan senpagan hejman viziton.

**Voiron** (Isère-Francujo). — F-ino Jullien multe deziras interŝanĝi vidaĵkartojn koloritajn.

**St-Polten** (Aŭstrujo) — S-ro Karlo Fuchs, 38 Wienerstrasse, deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj per memfaritaj fotografaĵoj prezentante personojn kaj belajn pejzaĝojn.

**Toyá** (Barcelona-Hispanujo). — S-ro Barrera, farmaciisto, deziras korespondi kun samideanoj ŝatantaj ĉiuspecajn Kagenmetitajn birdetojn, speciale neeŭropajn, pri iliaj movoj kaj nutrado.

**St-Polten** (Aŭstrujo). — S-ro Lud Koller korespondas kun eksterlandaj gesamideanoj.

**Zürich** (Svisujo). — Samideana Germana junulo, dudekjara, *serĉas por tuj dungaĵon en oficejo, komercejo, k. t. p.* por perfektigi sin pri la Franca lingvo. Nun okupata ĉe advokata oficejo, en Zuriĥo Rapideco en Germana *stenografio* kaj *skribmaŝino*, konoj pri librotenado, paroletas la Francan lingvon Bonaj atestoj kaj malaltaj kondiĉoj. Skribi al Karlo Stehle, Bahnhofstr 106, Zuriĥo.

**Rotterdamo** (Holando). — S-ro G. Allard, direktoro de Granda Hotelo Coomano, Hoofsteeg 12 22, deziras korespondi kun alilandanoj.

**La Garenne-Colombes** (Seine, Francujo). — S-ro Ernest Brançon, 30 bis, rue de Sartoris, deziras interŝanĝi poŝtkartojn kun Esperantistoj de la tuta mondo, esceptinte Francojn ; ĉiam respondos.

**Douai** (Francujo). — S-ro Henri Coppin, 3, rue François-Cuvelle, deziras korespondad per ilustritaj poŝtkartoj kun esperantistoj el ĉiuj landoj.

**Beaune** (Côte d'Or-Frankujo). — Sendu 80 Spesdekojn al S-ro J. Pion, Société Générale, kaj vi ricevos *belan kolekton da 13 ilustritaj poŝtkartoj esperantistaj de Beaune* ; tiu karto estos afrankata sur la flanko vidaja.

**Goole** (Yorkshire-Anglujo) — S-ro Mollay Custon House, deziras interŝanĝi poŝtajn kaj fiskalajn markojn; nepre respondos.

**Esperanto-Eldonejo.** — Karl Jost, Fröhlichstr, 40 *Zürich V-(Svisujo).* Al ĉiuj geesperantistoj, estas rekomendataj la jenaj broŝuroj -

*Esperantista Kantaro.* 13 kantoj originalaj aŭ esperantigitaj por 4 voĉoj miksitaj, kolektitaj de Karl Jost Prezo : 1 fr. (40 Sd).

*Memoraĵo de la dua Universala Kongreso de de Esperanto*, de K. Jost (unua broŝuro antialkohola) 20 cent (8 Sd).

*Lehrbruch der Esperanto Sprache*, de A. Nötzli. fr. 1 (40 Sd).

*La Kaprino de S-ro Seguin*, tradukis A. Yersin. 15 cent (6 Sd).

*Propagandaj poŝtkartoj*, 100 ekzempl. po fr. 1,50 (60 Sd).

Postulu la suprajn verkojn de via libristo aŭ rekte de la eldonisto. Al societoj esperantistaj, favoraj prezoj.

**Douai** (Francujo). — S-ro Henri Coppin, 3-rue François Cuvelle. deziras korespondadi peri, lustritaj poŝtkartoj kun esperantistoj el ĉiuj landoj.

**Amsterdam** (Holando). — S-ro S. de Vries, Zauriergracht, 108, fiziognomiisto, redaktoro de la rubriko *Grafologio* de la plej eminentaj holandaj gazetoj, prijuĝas la *karakteron laŭ portreto kaj manskribo.* Simplaj prijuĝoj 3 fr. (1.20 sm) ; detalaj *prijuĝoj 6 fr.* (2.40 sm)

**Serèze** (Tarn. Francujo). — S-ro Cau, kolombofilo, vendas *vojaĝkolombojn*, raso Verviers. koio de nesto : 2 fr. 50 (1 sm) po paro Maljuna, gekolomboj : 6 fr (2.40 sm.) po paro ; aŭ interŝanĝas por fotografilo aŭ pligrandiga fotografilo-

**Sabadell** (Barcelona. Hispanuje). — S-ro Lloblet, komercisto, ptaoo St-Roch 1, deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj.

**Sabadell** (Barcelona. Hispanujo). — S-ro J. Ferrer. muzikisto, Str. Paces 61, deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun fremdaj samideanoj.



## Kroniko Esperantista

La ĉefgrava novaĵo pri nia movado estas la jusa decido de la Delegitaro por la alpreno de lingvo helpanta. Tiu decido kiel oni eksciis, estas favora al Esperanto ; nia lingvo estis principe akceptita de la komitato, sed ekster tio, staras kondiĉaj demandoj pri korektoj kaj aldonoj en nia lingvo ; tiuj demandoj estos submetataj al la kompetenta aŭtoritato, tio estas al la Lingva komitato. Ni do ne rajtas nun fari komentariojn — cetere frumaturajn — antaŭ ol la diritaj proponoj estos diskutataj, tiom pli ke ili ne estis oficiale konigataj al la Esperantistaro, Oni nur rimarku, ke la decido de la supre aludita komitato estas nova grava sukceso de Esperanto, kiu estas ŝuldita ne nur al la internaj bonaĵoj de nia lingvo, sed al la jam multaj praktikaj provoj. kiujn la Esperantistoj faris per ĝi. Tio ĉi devas do ne haltigi nin en nia laboro, sed kontraŭe nin instigi al pluaj klopodoj, kaj tion oni ĉie tre bone komprenis. Niaj germanaj samideanoj sin preparas por la malfacila organizo de la 4a kongreso ; ili elektis *Dresden'on* kiel kongresurbon ; ĉiuj Esperantistoj sin ankaŭ de nun preparu por la veturo al la tiujara ĉefurbo de l'Esperantistaro. En tiu lando la batalo estas tre vigla, ĉefe pro tio, ke Esperanto kalkulas akrajn malamikojn inter profesoroj, nome prof. Diels, Brugmann, Leskien, Mauthner, k. c., sed feliĉe ĝi kalkulas ankaŭ amikojn inter la plej gravaj scienculoj, kaj la batalado estas do tute egala, ne pri la valoro de l'argumentoj, sed pri la eminenteco de la batalantoj. Cetere la Germanaj jurnaloj sin montras pli kaj pli favoraj al nia afero ; kelkaj el ili dediĉas konstantan rubrikon al Esperanto kaj ĉie diversaj eldonistoj aperas bonegaj propagandaj broŝuroj, plej bonaj respondoj al la atakoj de S-roj universitatanoj ; resume, tre grande vivo kaj seriozeco estas la karakterizoj de la movado Esperantista en la kongresa lando.

En Hungarujo, la malnova gazeto « Esperanto » transformiĝis en nova alloga « Verda Standardo », kin informas nin, ke la Hungara movado staras sur tre bona vojo. La Bohemaj Esperantistoj klopodas por organizi « Esperantistan Union » por alcentrigi la propagandon kaj en Bulgarujo la tieaj samideanoj kongrese kunvenis kaj starigis centran organizaĵon kun oficiala organo. En Polujo, oni ankaŭ konstatas ŝatindaĵn progresojn de Esperanto ; la organo de niaj Polaj amikoj « Pola Esperantisto » estas tre bone redaktita kaj enhavas interesajn verkaĵojn. Tute kontentigaj novaĵoj el Anglujo kaj el anglolingvaj landoj, kie la kongreso efikigis fortan antaŭenpuŝon ; la nombro de la Anglaj grupoj atingas pli ol cent ; en Irlando fondiĝis « Irlanda Esperantista Asocio », novaj grupoj kreiĝas en tiu « verda » insulo. Ni jus aludis pri la kongreso ; ni ne forgesu citi la belan financan rezultaton kiun ĝi liveris : ĝi postelasis profiton de 3.000 spesmiloj ; la triono estis transdonita al la Centra Oficejo por malaperigi la deficiton de la du antaŭaj kongresoj, triono estis donita por la fondiĝo de speciala kongresa kaso kaj triono al la Brite Asocio, Jen bonega rezultato, kiun ni ŝuldas al la imitinda ordemeco kaj zorgemeco de la organizintoj.

⁂

Inter la novaj libroj, ni citu la duan volumon de la bela *Faraono*, tradukita de Kabe, pri kies 1a volumo ni jam parolis, *lernolibron de la stenografio Gabelsberger*, de C. Christoffel, bonajn germanajn broŝurojn *Die Weltsprache Bewegung* kaj *Die Grundgesetz des Esperanto*, hispanan lernolibron *Doce Lecciones del Esperanto*, duan eldonon de l'bonega *Esperanto-Manuel*, tradukon de la fama *Antipatriotismo* de Gustave Hervé, eldonitan de Paco-Libereco, k. t. p.

Fine la decido de la Delegitaro por la alpreno de lingvo internacir kaj ĝia sintenado rilate al Esperanto elvokis diversajn akrajn pli malpli aprobindajn kaj certe tro fruajn atakojn de kelkaj el niaj kunfratoj de la „dekstruma" flanko „Paris-Esperanto" kaj „Lingvo internacia" (nov. 1907), kaj de la „maldekstruma reformista flanko", tute malsaman opinion de „Belga Sonorilo" (okt. 1907). Ni atendu aliajn...

A. R.

## Por la nuna momento

La jenaj meditindaj linioj estas eltirtaj el la bonega kaj fame konata broŝuro : *Esenco kaj estonteco de la ideo de Lingvo internacia* verkita de Unuel — pseŭdonimo kiu kaŝas la plej malnovan kaj de la tuta Esperantistaro la plej respektatan Esperantiston...

...La tuta demando pri la estonteco de la lingvo internacia alkondukiĝas nur al tio, ĉu Esperanto estos akceptita senŝanĝe en ĝia *nuna* formo, aŭ en ĝi estos faritaj iam iaj ŝanĝoj ! Sed tiu ĉi demando por la esperantistoj havas jam nenian signifon ; ili protestas nur kontraŭ tio, se *apartaj* personoj volas ŝanĝi Esperanto laŭ sia bontrovo ; sed se iam aŭtoritata kongreso aŭ akademio decidos fari en la lingvo tiajn aŭ aliajn ŝanĝojn, la esperantistoj akceptos tion ĉi kun plezuro kaj nenion perdos de tio ĉi ; ili ne bezonos jam de la komenco ellerni ian novan malfacilan lingvon, sed ili bezonos nur oferi unu aŭ kelkajn tagojn por la ellerno de tiuj ŝanĝoj en la lingvo, kiuj estos faritaj, kaj la afero estos finita.

La esperantistoj tute ne pretendas, ke ilia lingvo prezentas ion *tiom* perfektan, ke nenio pli alta jam povus ekzisti. Kontraŭe : kiam efektiviĝos aŭtoritata kongreso, pri kiu oni scios, ke ĝia decido havos *forton* por la mondo, la esperantistoj *mem* proponos al ĝi difini komitaton, kiu okupus sin je la trarigardo de la lingvo kaj farus en ĝi ĉiujn utilajn plibonigojn. se eĉ por tio ĉi oni devus ŝanĝi la lingvon ĝis plena nerekonebleco; sed ĉar ekzistas nenia eblo antaŭvidi, ĉu tiu ĉi laboro entute sukcesos al la komitato, ĉu ĝi ne daŭros senfinan serion da jaroj, ĉu ĝi en konsenteco estos alkondukita al feliĉa fino kaj ĉu la finita laboro en la praktiko montriĝos tute taŭga, sekve kompreneble estus tre malsaĝe kaj ne pardoneble de la flanko de la komitato, se ĝi pro la problema *estontaĵo* rifuzus la faktan kaj en ĉiuj rilatoj finitan kaj elprovitan *nunaĵon* ; sekve se eĉ la kongreso venus al la konkludo, ke estas bona, ĝi povus decidi nur la jenon ; akcepti *dume* la lingvon Esperanto en ĝia nuna forma kaj *paralele* kun tio ĉi difini komitaton, kiu okupus sin je la perfektigo de tiu ĉi lingvo aŭ je la kreo de ia nova lingvo pli ideala ; kaj nur tiam, kiam kun la tempo montriĝus, ke la laborado de la komitato estas feliĉe alkondukita al fino kaj post multaj provoj montriĝis tuta taŭga, nur tiam oni povis anonci, ke la nuna formo de la lingvo internacia estas eksigata kaj anstataŭ ĝi eniras en la vivon la formo nova. Ciu prudenta homo konsentos, ke la kongreso povas agi nur tiel kaj ne alie. Sekve se ni eĉ supozos, ke fina lingvo de la estontoj generacioj estos ne Esperanto, sed ia alia ankoraŭ ellaborota lingvo, en ĉia okazo la vojo al tiu lingvo nepre devas konduki tra *Esperanto*.

TRA

LA

## ESPERANTA LITERATURO

*Niaj poetoj.*

En ĉiu lingvo la poeziaj produktaĵoj ĉiam antaŭiras la prozajn verkojn ; en Esperanto kiel en ĉiuj aliaj idiomoj, tiu ĉi fakto estas konstatebla. La unua verko pri Esperanto enhavis du poeziojn de D-ro Zamenhof, *la Espero* kaj *Ho ! mia kor...* La unua versaĵo fariĝis la himno de Esperanto, la viviga kanto de la unuaj pioniroj de nia afero. Poste, nia majstro verkis aliajn flamajn versaĵojn, per kiuj li revigligas la tiamajn batalantojn, montrante al ili la noblecon de ilia celado. *La Vojo*, *Al la Fratoj*, estas klasikaj pecoj, kiujn devas koni ĉiuj Esperantistoj ; al ili oni aldonu la profundsentan *Sur la Kampo, for de l'mondo* kaj la altinspiran *Preĝo sub la verda standardo*. Krom originaloj, D-ro Zamenhof faris mirindajn tradukojn el diversaj poetoj, ĉefe el Heine, kiuj estas rimarkindaj pro simpleco kaj harmonio malfacile atingeblaj de la aliaj aŭtoroj Sed la ĉefverko de nia tuta poezia ĝisnuna literaturo estas la traduko de *Hamleto*. Tiu senkompara laboro pruvis la mirindan flekseblecon kaj precizecon de nia lingvo, kiel tradukilo de la naciaj ĉefverkoj, kaj ĝi restos la plej bona stila modelo, al kiu sin turnos ĉiuj Esperantistoj por akiri ĝustan ideon pri la spirito de nia lingvo. Analizi kaj kritiki tiun gravan flankon de la verko de nia majstro estus laboro, kiu multe preterpasus la spacon de tiu simpla citado. Cetere, al kio utilas la kritikado de genia verko ; oni simple admiru kaj akceptu.

En la unuaj jaroj de nia movado, eliris libreto *La Liro de la Esperantistoj*, de Grabowski, en kiu aperas la verkoj poeziaj — originalaj kaj tradukaj — de konataj Esperantistoj, Grabowski, Seleznet, Seleznov, de Wahl, Devjatnin, Goldberg, k. t. p. Tiuj pecoj, kies multaj estis represitaj en *Fundamenta krestomatio*, estas nun klasikaj. Grabowski, Seleznet, Seleznov, jen estas tiom da nomoj al kiuj oni ŝuldas perfekte bonstilajn versaĵojn kiuj de la komenco valorigis la konsonecon de nia lingvo, Al S-ro Devjatnin, talenta poeto, oni dankas originalajn pecojn kaj ĉefe belegajn tradukojn kiel *Boris Godunov*, el Puŝkin kaj *Demono*, kiuj kvankam ili estas bedaŭrinde ne sufiĉe konataj, estas, laŭ nia opinio, inter la plej bonaj versaj verkoj en Esperanto. Alia Slavo, S-ro Hofman tradukis en belaj sonoraj versoj la unuan libron de *Iliado*, kies plena traduko estas tre dezirinda. Fine, car ni parolas pri Slavoj, ni ne forgesu tre Zamenhofajn poetojn, nome D-ro Leono Zamenhof kaj Felikso Zamenhof, kiuj ankaŭ laboris ĉe la altaro de la muzo Esperanta, kaj Polan poeton, S-ro B lmont (Blumenthal), kiu aparte ŝatas doni al ni ĉarmajn kaj delikatajn tradukojn el Heine.

En Britujo, oni kompreneble tradukis Sheakspear'ajn, verkojn kaj tiun taskon bone plenumis nia mortinta samideano Motteau pri la *Ventego* kaj S-ro Lambert pri *Julio Cezaro* ; tiuj tradukoj, kvankam ili ne atingas la belecon de Hamleto estas tamen tre precizaj kaj superas ĉian ajn nacian tradukon. Ni ne forlasu la Britan landon ne citante alian poeton S-ro Bicknell, kiu el varma lando sendas al ni dolĉajn paciĝajn versaĵojn. Francujo havas ankaŭ kelkajn ŝatindajn versfarantojn. D-ro Vallienne estas la aŭtoro de la plej longa Esperanta verko, la traduko de la Virgilia *Eneido* ; tiu ĉi granda altvalora laboro estas sendube la plej grava akiro de nia literaturo ; ni retrovas en ĝi ĉiujn ecojn karakterizajn de la fama originalo ; la latina lingvo mirinde rebrilas tra la Esperantaj versoj, klaraj, simplaj, precizaj, ritmitaj ; ni ne timas diri, ke kun Hamleto, Eneido estas la plej atentinda produktaĵo de nia poezia literaturo. D-ro Noël, en belaj versoj rebriligis la francan epopeon *Kanto de Rolando* kaj diversajn klasikajn teatraĵojn de la franca, latina kaj greka literaturo ; la unua verko estas aparte rimarkinda pro sia bona stilo kaj klasika formo. Germanujo ne naskis ankoraŭ esperantistan poeton ; S-ro Meier tradukis *Wilhelm Tell*, sed ni ne tre ŝatas stilajn apartaĵojn de tiu traduko, kiuj ne estas konformaj al la spirito de Esperanto ; Schiller kaj Goethe estas ankoraŭ esperantigotaj.

Ni povus citi multajn, tre multajn nomojn, sed ni celis nur atentigi niajn legantojn al la plej klasikaj kaj gravaj el niaj Esperantistaj versfarantoj, kiuj estas la plej konfidindaj pro la ĝusteco de l'stilo kaj la pureco de l'formo. Nun venu la geniuloj, kiuj donacos al Esperanto ĝian *originalan* Iliadon kaj Eneidon !....

FLUGILETO.

## LINGVA FAKO

### Lingvaj Klarigoj

Ni tie ĉi plezure respondos ĉiujn demandojn gramatikajn, vortajn aŭ sintaksajn, kiujn sendos al ni niaj legantoj, kondiĉe, kompreneble, ke tiuj demandoj prezentu ĝeneralan intereson kaj celu punktojn ne tute elementajn.

**Al diversaj. Demandoj pri elparolado.** — La diftongon *aŭ* kaj *eŭ* oni elparolas proksimume kiel la germanajn vortojn « Glaube » kaj « neu » ; tamen estas rekomendinde pli klare montri la du sonojn a aŭ e kun u ol en la germanaj ekzemploj. Elparoli *aŭ* au *eŭ*, kiel simplaj *au* au *eu* estas erare.

Ekzistas nenia deviga regulo pri la ĝusta elparolado de la vokaloj D-ro Zamenhof rekomendas doni al ili mezan sonon, nek plene malfermitan, nek plene fermitan. Pri la elparolado de la vokaloj oni proponis diversajn teoriojn, kiuj en la praktiko sekvigas nenian gravan diferencon. La sono de *e* Esperanta estas ĝenerale pli proksima al la fermita *e* de la germana stehlen ol la malfermita *e* de la franca telle.

## EKZERCETOJ

### En Esperantisto Hotelo

Mi venas al via hotelo ĉar oni donis al mi vian adreson en la Esperanto-Oficejo. Mi estas fremda Esperantisto.

— Sinjoro, estus bonvena ; ni ĉiam estas kontentaj akcepti Esperantistojn. Bonvolu eniri la salonon kaj enskribi vian nomon sur la kajero de vojaĝantoj. Ne forgesu ankaŭ skribi ĝin sur la kajero de la trapasantaj Esperantistoj.

— Mi deziras unu konfortan ĉambron kun pensio. Mi restos tie ĉi dum kelkaj tagoj.

— Ni havas tre konfortan ĉambron sur la unua etaĝo.

— Kiom kostas la dirita ĉambro po tago ?

— Tiu ĉambro kun tri manĝoj kostas 2 spesmilojn kaj duonon en ĉiu tago.

Por la Esperantistoj ni faras rabaton da 10 %.

— Mi dankas vin ! Mi do prenos tiun ĉambron ; bonvolu suprensendi miajn pakaĵojn Mi havas ankaŭ unu valizon en la stacidomo ; volu ĝin alportigi.

— Bona afero, sinjoro ! Mi legas sur tiu ĉi kajero, ke estas nun en via hotelo du samideanoj. Vi bonvolu prezenti min al ili kaj doni al mi lokon ĉe la komuna tablo, se mi ne ĝenos tiujn sinjoron.

— Volonte, sinjoro. Mi jam vidis kelkafoje ilin en mia hotelo ; ili estos certe kontentaj konatiĝi kun vi. Atendante la vespermanĝon, vi trovos ĉi tie esperantajn revuojn kaj jurnalojn en tiu speciala koverto.

### Traduko.

*Laboro de la ligno.*

La arboj estas la plej noblaj inter la vegetaĵoj. Ilia ligno utilas en multaj okazoj, kiel la konstruado de domoj, la lignaj- kaj meblofarado, ankaŭ miloj da aliaj uzoj. Unue, la arboj estas faligataj per hakiloj kaj aliaj iloj, aŭ segataj meĥanike. Poste, la laboristoj tranĉas la branĉojn dikajn kaj maldikajn, kaj forigas la ŝelon. Tiam, la arbo estas, per ronda segilo, tranĉata je tabulegoj kaj tabuloj de diversaj dikecoj Ekzistas multaj specoj de ligno sed la plej uzataj estas la kverko, la fraksено, la abio, la pinio, la fago kaj la juglandujo. Tiuj lignoj estas precipe uzataj por fari tablojn, seĝojn, litojn kaj meblojn de ĉiuj specoj La ŝelo de kelkaj arboj, ekzemple de kverko, ne estas forĵetata aŭ bruligata, sed konservata kun zorgo por tani la felojn. La abio estas speciale uzata por la plankoj kaj la traboj. La ordinara pinio, kiam ĝi estas segita je tabuloj maldikaj. estas ĝenerale nomata blanka ligno, el kiu la lignaĵistoj faras skatolojn, pakokestojn kaj eĉ meblojn malkarajn. La kverko, la juglandujo, la pinio, la mahagono kaj la palisandro estas rezervataj por la luksaj mebloj.

(El *Cours Commercial*.)

### Anekdoto

*La feliĉeco.* — Riĉa negocisto, akirinte belan ĝardenon, skribigis super la pordo la vortojn sekvantajn : Tiu ĝardeno estos donacata al tiu, kiu povos pruvi,ke li estas vere kontenta. Tagon, pasis antaŭ la ĝardeno iu nekonato, kiu demandis, ĉu li estas la mastro : — « Jes, sinjoro, kion vi deziras ? » — « Mi deziras okupi tiun ĝardenon, ĉar neniu povas certigi, ke li estas pli kontenta ol mi » — « Sinjoro, respondis la negocisto, vi tute eraras, ĉar se vi estus tiel plene kontenta, vi ne dezirus posedi mian ĝardenon ».

FELIETONO DE " ESPERANTO " 5

## LA SABLA HOMO

el E. T. A. HOFFMANN

(trad. A. R.)

Nun venis la momento por konigi al vi la misteran vivon de l'studento Nathanael. Poste, vi eble kredos, kara leganto, ke nenio estas pli mirinda ol la okazaĵoj de la reala vivo.

Kelkan tempon post la morto de la patro de Natanael. Lothar kaj Klara, infanoj de malproksima jus mortinta parenco, estis adoptitaj de la patrino de Nathanael kaj ekloĝis en sia domo. Klara kaj Nathanael baldaŭ interligiĝis per tia fortika amo, kontraŭ kiu neniu homo en la mondo povas batali ; ili estis jam gefianĉoj kiam Nathanael devis forlasi la urbon kaj iri al Gœtthingen por fini siajn studojn. Tie, li estis, laŭ sia lasta letero, kaj sekvis kursojn ĉe la fama fizika profesoro Spalanzani.

Klara ne estis per si mem tre bela. Tamen ŝia staturo estis gracia kaj pentristo povus riproĉi ŝin, nur pro tio, ke ŝia ŝultro kaj ŝia brusto ne estis sufiĉe mature formitaj, sed ŝia hararo estis mirinda kaj radiis per brilantaj koloroj. Delikata rideto aperis sur ŝiaj ruĝaj lipoj, kaj ŝia vigla spirito fariĝis tre gaja kaj iom mokema, kiam ŝi aŭdis la fantaziaĵojn, kiuj loĝis en la malluma cerbo de ŝia fianĉo. Dank'al sia ĉarma karaktero, ŝi sukcesis distri Nathanael dum la unuaj tagoj de lia restado, sed tio ĉi ne longe daŭris. Nathanael estis prava, dirante ke la vizaĝo de la malaminda Coppelius estas profunde enradikigita en lia vivo. Post tiu mallonga distrajo, li denove montris sin malĝoja kaj revema ; li fariĝis tiel stranga, ke oni apenaŭ povis lin rekoni. La tuta vivo reala estis por li kvazaŭ sonĝo. kaj ĉio, kio batalis en lia deliranta fantazio, estis lia konstanta priokupo. Klara energie kontraŭ batalis tiajn mistikajn revaĵojn. Iam, kiam Nathanael certigis, ke Coppelius estas la enkorpiĝo de l'malbona principo, kiu volas detrui la feliĉecon de lia vivo, Klara fariĝis serioza kaj diris : jes, Nathanael ! ci estas prava. Coppelius estas la enkorpiĝo de l'malbona principo ; li povas fari teruraĵojn, kiel demono, sed nur se vi ne forpelas lin el via penso. Tiel longe kiam ci kredos al li, li estos potenca ; el cia kredo konsistas lia forto. Nathanael estis kolerigita de tiaj respondoj, kiuj montris, ke Klara konsideras la ekziston de l'malbeninda demono kiel rezulton de lia interna fantazio.

Nathanael estis lerta por la verkado de versaĵoj kaj rakontoj, kaj antaŭe ŝi ilin plezure aŭdis, sed nun liaj verkaĵoj fariĝis pli kaj pli mallumaj, ne kompreneblaj kaj senformaj, tiel ke ŝi aŭdis ilin kun tedo kaj enuo, kaj tion li mem tre klare sentis. Lin iom post iom tedis kaj forlogis la malvarma proza spirito de Klara, kiu malgraŭ ĉio ne povis venki la ĉagrenon, kiun elvokis en ŝi la mistikemeco de ŝia fianĉo. Kompreneble Coppelius ĉiam aperis en liaj verkaĵoj, kaj fine venis al li la ideo, ke Coppelius, detruanto de lia feliĉeco, povas estis la temo de poemo. Li reprezentis sin kun Klara en fidela reciproka amo, sed, kvazaŭ nigra pungo tiam enŝovis sin en ilian vivon kaj disŝiris iliajn ĝojojn. Kiam ili aperis ĉe la altaro, aperis la terura Coppelius, kaj tuŝis la dolĉajn okulojn de Klara, kiuj eksaltis al la brusto de Nathanael kiel brulantaj fajrerjoj. Coppelius premis lin kaj ĵetis en flamantan fajrorondon. Poste venis uragano kiu lin forportis en ŝaumantajn marondojn batalantajn kiel gigantoj, sed tra tiu timiga uragano, li aŭdis la voĉon de Klara : Cu ci ne povas min vidi ? Coppelius cin trompis, ne miaj okuloj brulis en via brusto, sed gutoj de sango el cia propra koro. Mi havas miajn okulojn, jen vidu ! "

Nathanael rigardis en la okuloj de Klara, sed lin rigardis la Morto mem kun la okuloj de lia amatino. .

Unu tagon, Nathanael kaj Klara sidis en la gardeno ; Klara estis tre gaja, ĉar jam de tri tagoj ŝia fianĉo jam ne estis priokupita de siaj revaĵoj. Nrthanael parolis tiel vive kaj ĝoje pri diversaj aferoj, ke ŝi diris : „ Nun, mi posedas cin denove ; vidu kiel mi forpelis la malamindan Coppelius !" Tiam Nathanael eligis el sia poŝo la foliojn de sia poemo kaj eklegis. Klara, antaŭvidante ion enuan, kiel kutime, komencis trankvile triki, sed, ĉar la rakonto fariĝis pli kaj pli malluma, ŝi ellasis la trikaĵon kaj fikse rigardis al liaj okuloj. Dum li legadis, liaj vangoj fariĝis pli ruĝaj, larmoj ekfluis el liaj okuloj, kaj li falis en profundan ekscitiĝon. Li prenis la manon de Klara kaj sopiris maldolĉe : « Ha ! Klara ! Klara ! ». Klara premis sin al sia brusto, kaj, mallaŭte, sed serioze diris al Nathanael : « Mia kara Nathanael, ĵetu tiun senenan verkaĵon en la fajron ! ». Tiam Nathanael koleriĝis kaj kriis forkurante : « Ho, senviva aŭtomato ! ». « Ha, li nenian min amis, ĉar li min ne komprenas », sopiris ŝi ploregante. Lothar eniris sub la laŭbon, kaj Klara devis klarigi al li, kio jus okazis. Lothar amis sian fratinon el tuta koro ; ĉiu maldolĉa vorto al ŝi atingis lin rekte kiel glabovato en lia koro Li iris al la Nathanael, akre riproĉis lin pri lia konduto, kaj la ekscitiĝema Nathanael same respondis. Duelo estis neevitebla. Ili decidis renkontiĝi la morgaŭan matenon kaj batiĝi per tranĉantaj glavoj. Klara, vidinte, ke la skermisto preparas la duelilojn, ankaŭ suspektis, kio okazos kaj kuris al la ĝardeno. En la momento kiam la duelantoj estis tute pretaj por la batalo, Klara enpenetris tra la pordo de l'ĝardeno, kaj ploregante, ŝi laŭte kriis : „ Ho, sovaĝaj, kruelaj homoj ! Kiel mi povus vivi sur la tero sen amato aŭ sen frato ?". Lothar ellasis la batalilon kaj silente rigardis al la tero, kaj en la animon de Nathanael revenis la amo tia, kia li floradis dum la belaj junecaj tagoj ; la glavo elfalis el liaj manoj. Li sin ĵetis al la piedoj de Clara : „Ho, mia Klara amata, ĉu ci povos iam min pardoni ? ĉu ci povos iam min pardoni, mia kara frato Lothar !". Lothar estis tuŝita de la doloro de sia amiko ; plorante, ili sin ĉirkaŭpremis kaj ĵuris unu al la alia eternan fidelecon.

Post tio, Nathanael kredis sin savita je siaj fantaziaj manioj. Tri feliĉajn tagojn li ankoraŭ pasigis ĉe la amatoj, poste li reiris al Gœtthingen, kie li devis resti ankoraŭ unu jaron, antaŭ ol ekloĝi en sian hejman urbon.

(*Daŭrigota*).